## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutzsch, No. 27.857“, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.

W. Hoffmann, instruisto, Assaunen-Ostpr., Post Wandlaken, Germ., deziras korespondi kun gekolegoj tutmondaj pri problemoj de la moderna lernejo. Por propagandaj celoj! Certa respondo.

## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En landoj:**

Angla: F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex.

Aŭstra: Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9.

Belga: Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles, poŝtĉ. 124.801.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉeĥoslovaka: Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin.

Dana: La Forta Voko, Dana Esperanto-Gazeto, Poŝtkto. 3584. — S-ro Paul Neergaard, Kastelsvej 21, Kopenhago.

Estona: Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn.

Franca: M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret.

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857.

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona.

Hungara: Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9.

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Java: K. Wirjosaksono, Klaten.

Jugoslava: Svetislav S. Petroviĉ, Pirot, Serbio, Novosádska 17.

Latva: S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11.

Litova: A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR).

Pola: K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan).

Rusa: Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo.

Sveda: Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm.

Svisa: S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

8-a jaro. Numero 1
Januaro 1929

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

**Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Hübnerstrasse 20, Dresden A 24, Germanujo.**
**Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.**
**Administrejo: KARL KRÖBER, Weststrasse 4, Riesa a. d. Elbe, Germanujo,**
**Poŝtĉekkonto Dresden 110715.**



## Nova Redaktoro.

La administracio per tio plenumas la agrablan devon, prezenti al la ŝatata legantaro de IPR la novan redaktoron:

**D-ro Kurt Riedel, docento en la Pedagogia Instituto Dresden, Hübnerstr. 20, Dresden A 24, Germanujo.**

En la Pedagogia Instituto D-ro Riedel jam enkondukis Esperanton kaj gvidis novajn interesajn studojn de siaj studentoj pri Esperanto. Lia laboro en la Instituto rajtigas nin atendi unikan ampleksan uzon de Esperanto por difinita celo.

Krom tio D-ro Riedel estas konata pedagogia kunlaboranto de la Saksa Lerneja Gazeto (Sächsische Schulzeitung). Fine li ankaŭ estas funkciulo en la Saksa Instruista Asocio (Sächsischer Lehrerverein). En la ĉi-jara delegitarkunveno de la Saksa Instruista Asocio en Pirna li estos referanto pri la temo: La naŭa kaj deka lernjaroj.

El liaj sciencaj laboroj ni mencias: „Vom Schulrecht zum Recht der Schule", Leipzig 1924 („De la lerneja juro al la lerneja rajto"), „Pestalozzis Bildungslehre in ihrer Entwicklung", Dresden 1928 („La pedagogia sistemo de Pestalozzi en ĝia evoluo"), „Der pädagogische Plan", Dresden 1928 („La pedagogia plano").

El ĉio ni povas preni la certecon, ke IPR venis en tre lertan manon, kaj ke jam post unu jaro montriĝos, ke ni ne travivas „Krizon en la Instruista Esperanto-Movado", sed ke IPR daŭrigis sian rapidan kreskon.

En tiu senco ni ĝoje salutas nian novan redaktoron.

Ni esperas, ke li ĉiam por siaj laboroj trovu la energian aktivan subtenon de niaj amikoj. Senlace vi varbu novajn abonantojn, por ke la redaktoro povu efektivigi la ampleksan kaj interesan programon, kiun li nun prezentas al ni.

## Redakcia programo:

1. Scienca Parto.

11. La interna ideo.
12. Pedagogia prilaborado de la Esperanto-lingvo,
    121. metodaj demandoj,
    122. lingvo-sciencaj demandoj.
13. Esperanto en la servo de la pedagogio,
    131. pedagogio en Esperanto,
    132. pedagogia terminologio en Esperanto,
    133. Esperanto en la servo de la nunaj pedagogiaj esploroj,
    134. Esperanto en la servo de specialaj instrufakoj.

2. Aktuala Parto.

21. Lernejo kaj socio:
    211. informoj pri internaciaj instruistaj kaj edukaj asocioj kaj diskuto pri iliaj laborprogramoj,
    212. raportoj pri kunvenoj kaj kongresoj de naciaj instruisto-unuiĝoj kaj edukaj asocioj,
    213. la lernejo en la publika kultura vivo.
22. Mallongaj raportoj pri la stato de la Esperanto-movado
    221. en la instruistaro,
    222. en aliaj specialaj fakrondoj.
23. Literaturaj novaĵoj:
    231. verkoj en kaj pri Esperanto,
    232. pedagogiaj verkoj nacilingvaj de internacia signifo,
    233. nacilingvaj tradukaĵoj kaj prilaboraĵoj de fremdlingvaj pedagogiaj verkoj.
24. Sciigoj de TAGE.

## La nova redaktoro al la legantaro:

### Pedagogio kaj Esperanto helpu unu la alian.

D-ro Kurt Riedel.

Estontaj historiistoj, kiuj pritraktos la lernejan edukadon, certe rigardos la finon de la mondmilito kiel la komencon de nova epoko pedagogia. En nia tempo ŝajnas akiri la socia funkcio de instruistaro novan sencon. Nia spirita horizonto estas alia hodiaŭ ol antaŭ la granda milito.

La pedagogio de la 19-a jarcento vidis sian taskon nur interne de la naciaj limoj; oni ŝatis la homaran ideon malpli ol nacian ŝtaton; oni ekkonis en infano ne estontan homon sed nur malgrandan ŝtatanon.

La moderna pedagogo eksentas devon, por plifortigi homaran spiriton

en la juna generacio de sia popolo; la lernejon li volas aliformi plantejo por homanarismo. En ĉi tiu ideo li ekserĉas novan sencon de sia laboro.

La fundamentoj por la templo de l' homaro estas serĉendaj en la kulturaj trezoroj de ĉiuj nacioj. Viviĝu la fortoj de arto, scienco kaj filozofio, kiuj povas kunigi homojn diverslandajn. La grandaj profetoj el ĉiuj nacioj parolu al la juna generacio en ĉiuj zonoj de la terglobo.

Kiam popolo festos la jubileajn datrevenojn de siaj eminentaj gefiloj, tiam ankaŭ ni memoru ties vivan faron. Tiamaniere ni povas helpi al pli vastiĝo de scio pri la miljara evoluo de la interna ideo. Pro tio nia IPR ofte komenciĝu kvazaŭ kun preludo el klasika verko.

En Eŭropo jam antaŭ duona jarmilo gravaj pedagogiaj verkistoj parolis al la sciencularo de l' tuta kontinento. Tiutempe aŭroro de la nova vivsenco leviĝis, komence en Italujo. La italo Vegio († 1458), la hispano J. L. Vives († 1540), la germano Erasmus († 1536) skribis latine pedagogiajn librojn.

La humanismano Vives ekkonis jam la neceson de mondhelplingvo; li skribis: „Lingvo por ĉiuj komprenebla estus utila por komerco kaj interkomunigo, por disvastiĝo de artoj kaj sciencoj." Verŝajne li vidis komenciĝi la epokon de naciaj literaturoj. Baldaŭ la franco Montaigne († 1592), la germano Ratke († 1635), la ĉeĥo Komensky († 1670), la angloj Milton († 1674) kaj Locke († 1704) skribis por siaj samtempuloj pedagogiajn pensojn en la gepatra lingvo.

Depost la renesanco akiris genialaj verkistoj en Eŭropo internacian gloron, kelkfoje eĉ pli frue ol en la gepatra lando. La aperigo de Emile (Emilo) de Rousseau (1762) estis eŭropa okazo. La instituto de Pestalozzi en Svisujo estis pilgrimloko por pedagogoj el tuta Eŭropo, inklusive Ruslando. La „Kindergarten" (lernludejo) de Froebel estis modelo tutmonda. La didaktiko Herbart-a influis pedagogian pensadon en multaj landoj de Eŭropo, Ameriko kaj Azio.

Krom la klasikaj verkoj ankaŭ pedagogiaj libroj duarangaj estas tradukitaj; precipe por metodaj problemoj ĉie la intereso estis tre vigla la lastajn jardekojn antaŭ la mondmilito. Tiutempe la tekniko instrua estis la ĉefa afero por pedagogia interŝanĝado de popolo al popolo.

Hodiaŭ la internacia instruistaro diskutas elfundamente la pedagogian ideon. Sian kaŭzon havas ĉi tiu apero en la nova sencodono al la vivo. Romain Rolland diras: „La problemo de l' nova eduko estas la plej grava de la nuntempo. Ĝi estas kaj devas esti nenio pli malgrava ol radikala vivoreformo, analoge al tiu en la 16-a jarcento." (El „Das werdende Zeitalter" = La estiĝanta epoko, 1928, 11-a kajero). Profesoro D-ro Peter Petersen skribas en sia verko „Die neueuropäische Erziehungsbewegung" (= La noveŭropa eduka movado, Weimar 1926): „En la pioniroj de l' nova movado vivas ankaŭ ĉiuloke la sento, ke ili servadas al nova tempo, ne nur prezentas lernejajn reformojn. Oni elektas volonte la esprimojn: New Ere, L' Ere nouvelle (ambaŭ: nova erao = epoko), Schule der werdenden Gesellschaft (lernejo de la estiĝanta socio) . . . La nova movado estas inter multaj aliaĵoj antaŭsigno por tio, ke nova Eŭropo estas ekestanta."

Ĉu la pedagogio povas helpi la konstruon de nova Eŭropo kaj la realigon de la alta ideo de ligo de nacioj? Profesoro D-ro Rudolf Lehmann, bedaŭrinde tro frue mortinta, skribis en la antaŭparolo al la 1-a volumo de „Internationale Jahresberichte für Erziehungswissenschaft", Breslau 1925, (= In-

ternaciaj jarraportoj pri la pedagogia teorio): „Ĉiukaze ebenigas la informado pri la diversaj idealoj, kiujn la unuopaj kulturnacioj (en la pedagogia sfero) konfesas, ĝenerale la vojon al interkonsento pri ĝiaj komunaj vivinteresoj.“

Profesoro Rudolf Lehmann esperis el tia interkonsentiĝo grandan utilon por la pedagogia teorio; li skribis: „Perioda resumo de la progresoj pedagogiaj, kiuj okazas ĉe la diversaj nacioj de jaro al jaro, pri la direktoj kaj problemoj, kiuj leviĝis unu post kaj apud al la alia, devas formi la unuan fundamenton, kiam oni aspiras supernacian kaj vere ĝeneralan teorion pedagogian.“

Krom la pedagogiaj ideoj kaj teorioj estu komparataj ankaŭ lernejaj institucioj en la diversaj landoj; al ili apartenas planoj instruaj kaj lernejaraj. Sur larĝa bazo nur el tia materialo povos esti konstruata sociologia pedagogio.

Ankaŭ praktikajn metodojn en la eduka kaj instrua sferoj ni volas atenti sufiĉe. Kelkaj pedagogaj metodoj disvastiĝis jam en lastaj jarcentoj preskaŭ tra la tuta mondo. La Komensky-a metodo, la instruado kun „helpantoj“ (Monitorial System) de Bell kaj Lancaster, la tiel nomata Pestalozzi-a metodo, lastatempe la „laborlernejo“ laŭ Georg Kerschensteiner, la metodo de Hugo Gaudig, la Montessori-materialo, la Dalton-a plano, la metodoj de Decroly kaj de Ferrière gajnis disĉiplojn en multaj landoj. Ankoraŭ kelka alia valora pedagoga metodo estus konata, se la traduko en diversajn lingvojn kostus ne tiom da oferoj ĉiuspecaj. — Estas tre urĝa tempo, ke pedagogiaj verkoj estu skribotaj Esperante. La pedagogio estas eminente internacia scienco. IPR fariĝu lumturo por ĝi.

Intertempe la pedagogia terminaro faros certe gravajn malfacilaĵojn. Ja apenaŭ la samlingvaj pedagogoj komprenas unu alian. La revolucio de pedagogia ideo estas la ĉefa kaŭzo por tio. La fajro de nova senco de la eduka kaj instrua farado degeligas la tradician idearon. La psikologiaj kaj metodaj terminoj el la antaŭa jarcento estas parencaj inter si, kiel anoj de relative homogena gento. Nun multaj tradiciaj terminoj ricevas novan enhavon, kaj multaj novaj esprimaĵoj estas uzataj. Eĉ pri la plej simplaj formoj kaj rilatoj en lernejaj organizo kaj administrado, de instrupraktiko kaj de pedologio mankas internacia terminaro. Estas necese, ke oni provos helpe de Esperanto — ĉu oni havas alian eblon — difini denove la pedagogiajn terminojn. IPR starigu sin en la servon al ĉi tiu tasko.

Tre ĝojige estas, ke helpe de Esperanto ĉiunaciaj geinstruistoj havas la eblon al kunlaboro. Internacia Oficejo pri Edukado en Ĝenevo (I. E. O.), Instituto J. J. Rousseau kaj IALA (International Auxiliary Language Association, New York) estas bonŝancaj centroj por tio. La raportoj pri ilia esplora laboro povas plirapidigi la spiritan sangocirkulon en la tutmonda instruistaro. Ni tre aplaŭdas la idealan kunlaboradon inter Ĝenevo kaj New York.

Granda parto de la instruistaro interesiĝas precipe pri la praktika servo de Esperanto en specialaj instrufakoj. Geografio, historio, etnografio, sociologio, lingvistiko kaj aliaj branĉoj de l' homa scio gajnos per tutmonda interrilato valorajn helpaĵojn. Estu kvazaŭ „radisendilo“ nia IPR por tiaj deziroj kaj impulsoj de la samfakaj gekolegoj.

Tiamaniere Esperanto povos helpi la pedagogion. —

Ĉu pedagogio ankaŭ povos helpi la Esperantan movadon?

Oni scias jam delonge, ke la internacia helplingvo nur tiam faros efektive la maksimumon de sia servo, kiam ĝi kiel la dua lingvo estos instruata en ĉiuj lernejoj de la tuta mondo. Kiam pedagogoj manipulas iun instruobjekton, kiu pro utilo por la ekstera vivo estas veninta en la instruprogramon, tiam iom post iom tiu objekto fariĝas faktoro por la interna vivo. Tiel la kantado, la kalkulado, la desegnado, la manlaboro kaj la ĝardenlaboro, venintaj komence pro nura praktika celo en la liston de la fakoj, fariĝis faktoroj de la persona kulturo. Esperanto iros la saman vojon.

Pripensante la plej bonan instrumetodon, ni ekkonos, ke artefarita lingvo havas alispecan forton en pedagogia rilato ol nacia fremdlingvo. Por ni kiel pedagogoj devas stari en la centro la pedagogia valoro de la objekto mem; la praktika utileco kuŝas de sur pedagoga vidpunkto ĉe la periferio. Tio ne estas instruista mondfremdeco, sed rezultas el la sociologia ekkono de la funkcio, kiun la lernejo havas en la socio nuntempa. La specife pedagogiaj fortoj de Esperanto baziĝas sur la relative pura formo de ĝenerala gramatiko, kiu formas la gramatikan fundamenton de la lingvo Esperanta. Pri tio ankaŭ Profesoro Findlay atentigis la pedagogojn. Al ĉi tiu senpera pedagogia signifo de Esperanto ni turnu en IPR ĉiam nian rigardon.

Kun tio estas en konekso la metodaj problemoj en pli malvasta senco; ekz.: kiel estu instruata Esperanto en la diversgradaj lernejoj (popola aŭ elementa lernejo, mezgradaj lernejoj, fakaj institutoj, altlernejo)?

Por esplori tiajn problemojn elfundamente, estas necese, ke en IPR estu observata ankaŭ la filologia scienco.

Tiamaniere la pedagogio helpu Esperanton.

La tuta unua ĉefparto donu al nia IPR la karakterizaĵon de arkivo por la internacia pedagogia scienco. Ĉi tiu parto fariĝu iom post iom kolektujo por la internacia pedagogia esplorado. Ni esperas, ke ĝi iam estos la fokuso de la internacia pedagoga diskutado.

Per la dua ĉefparto estas IPR informilo pri aktualaĵoj en la pedagoga mondo. La aktuala parto atentigas la legantaron pri la plej gravaj okazaĵoj en la pedagogia sfero. Per tio la esperantista instruistaro sentrigardu sin ĉiam pli kiel grandega kooperativo.

Pri la organizaĵo kaj pri la jara laborprogramo de internaciaj instruistaj kaj edukaj asocioj IPR periode sciigos sian legantaron. Laŭeble la temoj de internaciaj pedagogiaj konferencoj estos ekklarigataj en IPR diversflanke. IPR priraportos la iron kaj la rezultaton de tiaj kunsidoj.

Estas necese, ke la esperantista instruistaro ekscias la problemojn kaj taskojn, kiujn prilaboradas la instruisto-unuiĝoj kaj edukaj asocioj de la unuopaj landoj. Tiaj raportoj estu kiel eble plej mallongaj. Ni bezonas pro tio fidindajn informistojn en ĉiuj ŝtatoj. Kiam tiu sinoptiko estos proksimume kompleta, tiam ĝi montros, kiom fortaj estas la komunaj interesoj de la tutmonda instruistaro, tiam ĝi havos ankaŭ signifon por estontaj historiistoj.

La pedagogia sfero estas malvaste interligita kun la socia, ekonomia, politika kaj religia tutsituacio interne de kultura rondo. La sociologia pedagogio devas bone konsideras ĉiujn tiajn cirkonstancojn. Pro tio IPR enhavos ankaŭ ekzemplojn por tipaj rilatoj inter la nomitaj kultursferoj unuflanke kaj la tuta lerneja kampo aliflanke.

Pririgardante la internacian situacion en la pedagogia mondo, ni ekkonas, ke la pedagogio kaj Esperanto devas helpi unu la alian. Ĉiu progreso en la disvastiĝo de la mondhelplingvo signifas novan paŝon antaŭen al la internacieco de la pedagogio. IPR priraportos memkompreneble la staton de la Esperanto-movado en la tuta instruistaro.

Estas dezirinde, ke la esperantista instruistaro ankaŭ sciiĝas la gravajn progesojn de nia movado en aliaj specialaj fakrondoj kaj en diversaj tutmondaj asocioj.

Fine en IPR estos recenzataj novaj verkoj en kaj pri Esperanto, supoze ke ili havas signifon por pedagogoj. Sed ankaŭ nacilingvaj verkoj povus esti recenzataj, se ili ŝajnas havi valoron por la esperantista instruistaro. IPR sciigos ankaŭ pri tradukaĵoj kaj prilaboraĵoj de fremdlingvaj pedagogiaj verkoj, ĉar el tio la legantaro povos ekkoni, kiom fortaj estas la fadenoj inter la partoj de la tutmonda pedagogaro.

La legantoj de IPR estas petataj, rigardi sin kiel kunlaborantojn en grava verko. La redakcio bezonas senĉese multon da materialo, por povi la novan projekton realigi. Mi petas ĉiujn kunlaborontojn, laŭeble al ĉiu artikolo skribi, al kiu parto de la redakcia programo ĝi apartenas. Tiamaniere erarkomprenoj estos evitataj. Nia plano povos esti realigata nur tiam, kiam estas eble, almenaŭ duobligi la paĝokvanton en IPR-jarkolekto.

Estu nia devizo: Pedagogio kaj Esperanto helpu unu la alian!

## La fablo pri la tri ringoj.

De G. E. Lessing, naskita la 22-an de januaro 1729 en Kamenz (Saksujo).

**Sultano Saladin** al **Natan:**
Do kia leĝo, kia religio
Plej saĝa al vi ŝajnas?
— — — — — —

**Natan** al **Saladin:**
En temp' nememorebla viro vivis
En oriento; ringon altvaloran
De mano kara li posedis. — Ŝtono,
Opal', enestis centkolora, kiu
Sekretan forton havis: ĝi estigis
Agrabla antaŭ Di' kaj homoj la
Kun fido ĝin portantan. — Ne mirige,
Ke tial ĝin la vir' en oriento
Neniam metis for kaj testamentis,
Ke en la gento ĝi eterne restu.
Do jene: li postlasis sian ringon
Al plejamata inter siaj filoj
Kaj testamentis: ankaŭ tiu lasu
La ringon al la plejamata filo;
Kaj tiu poste ĉiam estu kapo
Kaj princ' de l' famili' — nur pro la ringo,
Ne laŭ la leĝo de l' naskiĝo. — — —
La ringo venis do — de fil' al filo —
Al patro, fine, de tri filoj, kiuj
Egale ĉiuj estis obeemaj,
Kaj kiujn ĉiujn tri li povis nur
Egale ami. — Nur de temp' al tempo
Jen tiu, jen ĉi tiu, jen la tria —
Laŭ tio, ĉu li estis sola kun
La unu, kaj la du aliaj ne
La patran koron tuŝis — al li ŝajnis
Pli inda je la ringo tiel, ke
Al ĉiu li la ringon ekpromesis. —
Ja certan tempon tio funkciadis. —
Sed morto venas kaj la bonan patron
Ekembarasas. — Lin doloras, ke
Li igos ĉagreniĝon al du filoj,
Fidintaj lian vorton. — Kion fari? —
Sekrete li artiston alvenigas
Kaj mendas laŭ model' de sia ringo
Aliajn du, kaj ne ŝparigas monon
Nek penon, por ke ili ja similu,
Similu **nepre** al la unu. — Nu,
Sukcesas la artist'. — Kaj kiam li
Alportis la tri ringojn, eĉ la patro
Ne konas la modelon. — Ĝoje li
Alvokas siajn filojn, ĉiun sola,

Al ĉiu sola donas sian benon —
Kaj ringon — kaj formortas. — Ĉu vi
[aŭdas?

**Saladin:**

Mi aŭdas, jes! — Sed baldaŭ la fabelon
Jam finu! — Ne hezitu plu!

**Natan:**

Mi finis;
La sekvo ja memkomprenebla estas. —
Tuj post la mort' de l' patro ĉiu filo
Alvenas kun la ring' kaj volas esti
La princ' de l' famili'. — Esplor', disputo,
Plendado. — Vane: ne montrebla estis
La ring' malfalsa. — — — Same ne-
[montrebla
Al ni la religi' malfalsa estas!

**Saladin:**

Ĉu jen respondo al demando mia?

**Natan:**

Ĝi nur min senkulpigu, se mi ne
Kuraĝas diferenci la tri ringojn,
Faritajn — laŭ ordon' de l' patro — por ke
Ne estu eble, ilin diferenci.

El la drama poemo „Natan la Saĝulo" de Lessing; tradukita el la germana lingvo de Karl Minor, Berlin 1923 (Ellersiek & Borel). Nova Esperanto-Biblioteko, N-ro 9.

# IALA*) „Testoj."

D-ro Dietterle.

Post kiam la sekretariino de „Kunlaborado" — je la komenco de nia laboro — estis forsendinta la demandaron**) al niaj gekolegoj en la plej diversaj landoj, en kiu ni ankaŭ parolis pri la eksperimentoj sur la bazo de „testoj", ni ricevis kelkajn respondojn, el kiuj oni vidas, ke kelkloke oni ne tuj komprenis, kio estas „testo".

Unu kolego eĉ atentigis nin ŝerce, ke verŝajne en nia demandaro troviĝas preseraro, ke la vorto „testo" ne ekzistas en Esperanto kaj ke la vorto ŝajnas esti kripligo de la vorto „testudo".

Nun, mi opinias, ke ne plu estos necese, ĉi tie doni difinon de la vorto „testo", kaj ke intertempe ĉiuj legantoj de nia gazeto komprenis la novan Esperanto-vorton „testo" (prenitan trans la angla lingvo el la latina radiko „test"), el kiu ni tute simple povas ankaŭ derivi la verbon „testi", en la senco, en kiu nia legantaro legis ĝin en nia lasta numero (en la raporto de Rektoro S. Jansson) = fari testeksperimentojn, skribigi testojn. Bonvolu rememori, ke mi jam donis ekzemplojn de testoj, priparolante la broŝuron de E. L. Thorndike kaj Laura H. V. Kennon „Progress in Learning an Auxiliary Language" (Progreso en lernado de helplingvo), kies aŭtoroj laboris uzante testojn, el kiuj mi citis ekzemplojn (vidu IPR 1928 num. IV/V paĝ. 13—14).

Sed restas ankoraŭ duobla tasko, nome:

I. iomete priskribi la testojn de Profesoro D-ro Bovet, kiuj estu la bazo por liaj enketoj,

kaj

II. diri kelkajn vortojn pri la maniero, laŭ kiu ili estu uzataj.

---

*) Sub la ĉeftitolo „IALA" mi estontatempe en IPR donos ĉion, kio rilatas ne nur rekte ĉi tiun gravan asocion, sed ankaŭ tion, kio rilatas ĝiajn helpantojn kaj ĝiajn helpasociojn kaj nian „Kunlaboradon", ĉar ĉiuj tiaj laboroj celas servi al IALA.

**) vidu IPR 1928 num. XI/XII paĝ. 11.

## I.

Pli bone ol longaj priskriboj taŭgas ekzemploj.

Por scii, ĉu la lernantoj komprenas sencon de iu frazo, ĉu ili konas precizajn vortojn, ĉu ili kapablas esprimi ion en Esperanto, oni povas uzi diversajn formojn de testoj, ekzemple:

oni povas:

1. ordoni ian agon;
2. postuli kompletigon de frazoj;
3. rakonti skribe ian rakonteton, kaj poste fari demandojn rilatajn al ĝi;
4. skribi sencajn kaj sensencajn frazojn, apud kiujn la lernantoj devas meti ian signon (ekz. la signon +, se la frazo ĉestas sencoplena, kaj O, se ĝi estas malsprita. La klarigon pri la signoj donu la „testanta“ instruisto.)

ktp. ktp.

Laŭ la respondoj de la lernantoj oni vidas, ĉu ili komprenas aŭ ne, ĉu ili kapablas respondi en Esperanto aŭ ne, ktp.

Jen kelkaj simplaj konkretaj ekzemploj laŭ la Bovet-a maniero:

al 1. Sur la testopaĝo estas desegnita domo kaj apude oni legas la ordonon: „Desegnu arbon apud ĉi tiun domon“ —
aŭ estas desegnitaj tri hundoj, unu kuŝanta, unu staranta, unu kuranta, kaj apude oni legas la ordonon: „Faru streketon sub la kurantan hundon“ ktp. ktp. —

al 2. Oni legas jenajn frazojn:
„Mi estas la . . . . . . de miaj gepatroj kaj la . . . . . de miaj geonkloj“
aŭ
„Dumtage brilas la . . . ., dumnokte la . . . .“ —
La lernantoj devas kompletigi la frazon. Tuj oni vidas, ĉu la lernanto komprenis la frazojn, kaj ĉu li konas la vortojn „filo“, „nevo“, „suno“, „luno“ ktp. ktp. —

al 3. Ekzemplo ĉi tie estas tute nenecesa. La lernanto legas sur la testopapero la rakonteton kaj respondas al la sub ĝi starantaj demandoj. —

al 4. Oni legas sur la testpapero frazojn, kiel ekz.
„Muso estas pli granda ol bovo“.
„Tajloro estas homo, rano estas besto.“
La lernanto faru al la frazoj aŭ la signon + aŭ la signon O. Do, se li bone komprenis la frazojn, li faros O al la unua, kaj + al la dua frazo.
Oni povas ankaŭ antaŭmeti al la lernantoj frazojn, kiuj ekz. montras, kiujn afiksojn la lernanto jam konas ktp. ktp. —

## II.

Sed nun la ĉefa afero: La testoj celas nenion alian ol konstati la veran, faktan situacion. Ili ne volas prezenti okazon, por ke la instruisto de la testata kurso aŭ klaso montru sian instruistan kapablecon. Li detenu sin tute kaj energie de ĉiu kaj ĉia influo al la testataj lernantoj kaj klarigu nur tion, kies klarigon Profesoro D-ro Bovet oficiale permesas al la testanta instruisto. Li kondutu tute honeste kaj ne pensu pri si mem, li ne klopodu doni „brilan rezulton“, ĉar ne li, sed nur la lernantoj estas testataj. Kaj ĉi tiuj devas labori tute memstaraj. La instruisto zorgu, ke la testoj fine ne montru la de ni ĉiuj konatan kutimon, laŭ kiu unu najbaro en la klaso laboras uzante la dekstre

kaj maldekstre najbaran laboron, rigardaĉante al aliaj kaj tute ne liverante nur siajn proprajn konon kaj scion. Alie, t. e., se oni devas poste konstati, ke la testo-laboro ne estas farita tute honeste, ĝi entute ne taŭgas por la celoj de Profesoro D-ro Bovet kaj ankaŭ ne por la celoj de IALA kaj estas farita tute vane.

Nia altŝatata samideano, la direktoro de la Instituto J. J. Rousseau kaj de la Internacia Oficejo por Edukado, siaflanke pritraktos la tutan testo-materialon tute konfidence kaj la kolego, kies klaso liveros malbonan rezulton, ne ricevos „malbonan noton" de li. Sed Profesoro Bovet povos uzi la materialon, kiun ni kolektas en nia „Kunlaborado" por li, nur, se ĝi estas konfidinda en sia tuta amplekso. Estus plej bone, se li mem povus viziti ĉiujn klasojn tute neanoncita kaj testi ilin. Sed, ĉar tio estas neebla, li nepre devas konfidi al la gekolegaj testantoj, ke ili faros ĉion, por neniamaniere influi la lernantojn antaŭ kaj dum la testo-laboro kaj por forigi ĉiun malhonestecon kaj ruzon de la lernantoj. Do, eĉ antaŭ la testo-horo ili ne parolu pri la testoj, ili zorgu pri aranĝo, kiu forigas ĉiujn trompaĵojn flanke de la lernantoj kaj klopodu kun ĉiuj fortoj, liveri nur tute konfidindan materialon. Ni ja celas la veron; ni volas montri al la publiko la taŭgecon de Esperanto, pruvi, ke ĝi estas multe pli facile lernebla ol aliaj lingvoj ktp. Ĉi tiu vero evidentiĝos ĉiukaze, ankaŭ se en kelkaj klasoj la rezultoj ŝajnos al la testanto mem iom malbonaj. Certe ili estos pli bonaj ol tiuj de testo-eksperimentoj en aliaj lingvoj.

Profesoro D-ro Bovet skribis al mi: „La spertoj jam faritaj per uzo de la unuaj testoj montras unue tre bedaŭrindan fakton: manko de honesteco ĉe la lernantoj kaj de atento ĉe la ekzamenantoj. Multaj estas kopiitaj de alia lernanto; tion oni vidas klare ĉe multaj respondoj, kiuj estas tiom similaj, en siaj eraroj kiel en siaj ĝustaĵoj. Tiamaniere objektiva kontrolo ne estas ebla." Kaj aliloke en sia letero li skribas: „Ĉu vi eble povus mencii tiun malfacilaĵon, kiam vi skribos pri testoj? Diri, ke **la celo ne estas atingi bonan rezulton, sed havi rezultojn, kiuj respondas al la vera kapableco de la lernantoj. Por scienca laboro oni povas toleri nenian trompon, eĉ ne trompeton."**

Mi ne nur tre volonte mencias ĉi tiun deziron de nia altŝatata gvidanto, sed eĉ substrekigis la lastajn liniojn skribitajn de li kaj petas niajn kunlaborantojn, atente studadi la „instrukcion" de Profesoro D-ro Bovet.

En plua eksperimento li povos atenti nur tiujn kunlaborantojn, kiuj forigos ĉion malhelpan.

En la raporto de la sekretariino de „Kunlaborado" en la antaŭa numero de IPR sur paĝo 12 la legantoj trovos tabelon pri la nombro de la gekolegoj en 28 landoj, kiuj promesis helpi la testo-laboron. Estas tre dezirinde, ke ankaŭ el la 24 (vid. paĝ. 16) landoj, ĝis nun ne reprezentataj, kelkaj kolegoj anoncu sin por ĉi tiu laboro, (kaj eble ankaŭ el la landoj, por kiuj ĝis nun laboris nur unu kolego) skribante rekte al la sekretariino (f-ino Martha Moelke en Sommerfeld, Nieder-Lausitz) *), por ke ŝi sendu testojn. Ĉar la provizo ne plu estas

*) La kolegoj, kiuj ankoraŭ resendos la ricevitajn testojn, estas petataj, aldoni sur aparta papero ĉiujn specialajn sciigojn, kiuj laŭ ilia opinio ŝajnas gravaj por la de ili farita kaj farota laboro.

granda, mi petas, ke oni, anoncante sin, samtempe precize sciigu, kiom da testoj oni bezonas. La testo-laboro estas treege grava, pli grava, ol kelkaj eble supozas hodiaŭ. Bone kaj konfidinde farita de nia flanko, ĝi promesas grandan antaŭenpuŝon de nia mondhelplingva ideo — malbone farita ĝi taŭgos por nenio kaj forigos la intereson de tiuj rondoj, kiuj celas „objektivan kontrolon" kaj vere sciencan, konfidindan esploron de la tuta situacio. Ni esprimu nian dankon al Profesoro D-ro Bovet per diligenta, nepre korekta kaj konfidinda kunlaboro!

# Pri la geometria instruado en la popollernejoj.

J. K. Haubold, Riesa (Germanujo).

En nia lando (Germanujo) kaj verŝajne ankaŭ en aliaj landoj ankoraŭ ekzistas du opinioj pri la metodo de la geometria instruado taŭga por la instruado en la popollernejoj. Laŭtradicie la unuj opinias, ke la metodo estu la sama en la popol- kiel en la mezlernejoj. Por tiuj la geometria sistemo karakterizas la tutan instrufakon. Do la instruado komenciĝas per la instruo pri la elementaj ideoj de la geometrio (punkto, linio, angulo ktp.), progresas al la edroj kaj fine al la korpoj. Tiuj unuopaj elementoj estas pritraktataj laŭ la postuloj de la scienca sistemo kaj laŭ la metodo de Euklid.

Al tio kontraŭstaras alia opinio, diranta, ke ankaŭ la geometria instruado devu ekkonstrui sin sur la ĉirkaŭaĵo kaj la travivaĵoj de la infano. La infano staras en realeco ĉirkaŭanta ĝin konkrete. Ĝi observas la tutaĵon kaj la partojn, ĝi elserĉas la problemojn, ties solvo alkondukas al origino, laŭceleco, praktikeco, beleco de formo kaj spaco, al la plej diversaj rilatoj de la tutaĵo al ĝiaj partoj.

Devus esti tre interesige, koni la diversajn opiniojn pri tiu instruado en la diversaj landoj. Pro tio mi petas la gekolegojn helpi min, ke mi povas fari enketon pri tio. Tia entrepreno nature ne povas limigi sin rilate al la nomitaj ĉefpunktoj, sed ĝi devas koncerni ankaŭ aliajn demandojn estantajn en konekso kun ili.

Do, gekolegoj en ĉiuj landoj (krom Germanujo), mi petas vin, respondi al mi la jenajn demandojn:

1. En kiuj lernjaroj kaj en kiom da lecionoj posemajne (kaj en kiuj popollernejoj laŭ organizaĵo) okazas speciala geometria instruado?
2. Ĉu la geometria instruado okazas por knaboj kaj knabinoj?
3. Kiun taskon havas la geometria instruado laŭ la instruplano? (Bonvolu rimarkigi, ĉu la plano validas por via tuta lando, por la distrikto aŭ nur por via lernejo.)
4. Kiuj objektoj, materialoj kaj funkcioj devas esti pritraktataj? (Ĉu laŭ la plano?)
5. Kiuj lerniloj troviĝas en la manoj de la infanoj?
6. Laŭ kiaj metodoj estas instruata? (Ĉu la instruado okazas laŭ la sistemo de la geometrio aŭ laŭ la travivaĵoj de la infano ktp.?)

7. Ĉu la geometria instruado servas aliajn instrufakojn, ekz. la matematikan, geografian, fizikan, designan, manlaboran (por knaboj kaj knabinoj) ktp. instruadojn?

Mi estus tre dankema al vi, se vi aldonus mallongan lecionskizon pri iu ajn pritraktita objekto aŭ funkcio.

Bonvolu sendi vian leteron al

Johs. Kurt Haubold, Riesa (Germanujo), Altrockstrasse 22.

Jam antaŭe mi dankas al vi tutkore kaj kolege por viaj afablaj klopodoj. Kiam tiu entrepreno sukcesos, esperebie mi havos la eblecon, publikigi la rezultojn de mia enketo en IPR.

# La tempo fariĝis matura.

D-ro Dietterle.

. . . . „Ni per tiu metodo pli helpos al Esperanto, ol trudante ĝin al homoj, tute indiferentaj, kiuj ankoraŭ ne kapablas kompreni ĝian utilecon."

(El letero de Profesoro D-ro Bovet 15. X. 28.)

Rigardante atente la tutmondan situacion, kaj precipe la internacian situacion en Eŭropo, oni fakte havas multegon por plendi, kaj homo, kiu laŭ sia naturo estas pesimisto, povas kvazaŭ „orgii" en pesimistaj ideoj, ĉar la tempo de l' Eŭropa mondo ŝajnas al li matura al definitiva pereo — pro tre diversaj kaj gravaj kialoj. Sed pesimista sintenado ne estas pravigebla, dum kiam vivas homoj kun la forta volo, obstini kaj malcedi ĉiujn malhelpaĵojn kaj dum kiam ekzistas ideoj, kiuj kapablas renovigi la homan sentadon. Ni, la malmultaj TAGEanoj, havas la firman konvinkon, ke unu el ĉi tiuj ideoj estas la mondhelplingva ideo, enkorpigita en la Esperanto-lingvo. Kaj la tempo fariĝis matura por ĉi tiu ideo. Ĝi fariĝis tia pro ekstera, praktika kialo: la homoj hodiaŭ pli ol iam komprenas la necesecon de internacia mondhelplingvo, — kaj pro interna, morala kialo: ili pli ol iam sentas la moralajn sekvojn de la realigo de la mondhelplingva ideo.

Mi ĉi tie volas limigi min tute nur al la devoj, kiuj rezultas por la moderna instruistaro el la internacia situacio kaj konstati, ke oni en ĉiuj instruistaj kaj edukaj asocioj de l' mondo tre klare komprenas la bezonon de „nova eduko", por ke la venonta generacio ne travivu la terurojn de la pasinta. Mi konstatu, ke oni ĉie klopodas solvi la edukan problemon en internacia interkonsento kaj pro ĉi tiu ĝenerala problemo ankaŭ la speciala problemo de mondhelplingvo fariĝis — kaj ĉiam pli fariĝos — aktuala. Fakte la tempo fariĝis matura por Esperanto.

Vidu kaj atentu tion, kio okazas en la grandaj naciaj unuiĝoj de instruistoj. La laborojn de la Germana Instruisto-Unuiĝo por 1929 karakterizas la temo: „La lernejo en la servo de l' repacigo de la popoloj." Sama la situacio en Francujo kaj Anglujo! Ĉu oni povos, diskutante tian temon, preteriri la demandon kaj postulon de internacia helplingvo? Sed en la naciaj instruisto-unuiĝoj la problemo — ĉar ne ekzistas diverslingveco — ne estas sentata tiel urĝa, kiel en la internaciaj instruistaj kaj edukaj asocioj.

Mi citu nur la plej ĉefajn: La 3.—15.

de Aŭgusto 1927 „Internacia Laborrondo por Renovigo de l' Edukado", sub la prezido de Profesoro D-ro Bovet kun 1200 partoprenantoj aranĝis kongreson en Locarno. Ĝi aranĝos sian novan kongreson 1929 en Helsingör-Danujo. La kongresanoj en Locarno estis tre kontentigitaj rilate multajn punktojn de la programo, sed ĉiuj sentis la malfacilaĵojn de la lingva diverseco kaj oni povas supozi, ke pri ĝi oni diskutos en Helsingör. Atentu la nomon de ĉi tiu granda asocio, kiu jam aludas la tutan programon „Renovigo de l' Edukado."

La „Mondfederacio de Edukaj Asocioj" (kutime konata sub sia angla nomo „World-Federation") kongresis de la 7.—12. de Aŭgusto 1927 kun 7500 personoj en Toronto. Ĝia celo estas konstati: „kion kapablas la edukado, por garantii la mondpacon?" Ĝia 5. komitato akceptis rezolucion jenan: „la komitato rekomendas al la delegitara kunveno kaj al la gvidantoj de la Federacio, senprokraste entrepreni ion por starigi komisionon, kiu enketu pri la internacia lingvo, precipe rilate ĝian praktikan uzeblecon por la celoj de la Federacio."

La venonta kongreso de tiu Federacio okazos 1929 fine de Julio kaj komence de Aŭgusto en Genève. Ankaŭ ĝin prezidos nia altŝatata samideano, la famekonata pedagogia scienculo Profesoro D-ro Bovet.

Tute sendepende de la nomata Federacio, sed interkonsente kaj amike kun ĝi, laboras la „Internacia Federacio de Asocioj Instruistaj", kiu havas anaron de ĉirkaŭe 500 000 gekolegoj. Ĝiaj lastaj delegitaraj kunvenoj okazis 1927 en London kaj 1928 en Berlin. Je la fino de la Berlin-a kunveno nia sveda kolego (ne Esperantisto, sed favora al Esperanto) Bjerke faris — kaj oni akceptis ĝin — la jenan proponon: „La kongreso rekomendas al la federacioj aliĝintaj, studi la demandon de internacia helplingvo kaj disvastigi inter siaj membroj la studadon de la ekzistantaj helplingvoj."

Atente leginte ĉi tiun mallongan skizon de la internacia situacio en la instruistaj kaj edukaj asocioj, la legantaro certe konsentos min: „La tempo fariĝis matura por ni." La kampo estas preparita. Ni nun estu pretaj, semi en ĝi la Esperanto-semon, ni ne hezitu, eluzi la taŭgan okazon por propagando vigla kaj energia inter rondoj, en kiuj oni certe komprenas aŭ baldaŭ komprenos, ke Esperanto forigos la tedan diverslingvecon por iliaj kongresoj kaj ke Esperanto alportos taŭgan ilon por efektivigi ilian programon, kiu celas novan edukadon.

Pri ĉi tiu situacio mi parolis dum la kunveno de la Saksa Esperanto-Instruistaro en Meissen, 4. de Novembro de ĉi tiu jaro. Ĝi prezentas novan laborprogramon por nia TAGE. Ĉar en nia internacia asocio la saksa instruistaro per sia nombro ludas la plej gravan rolon kaj ĉar la tuta laboro por IPR estas transdonita al ĝi, mi opinias, ke ĝi devas fari la unuajn paŝojn, por efektivigi la novan laborprogramon. Dum mia referato mi precipe ankaŭ akcentis tion, ke la situacio por ni estas des pli favora, ĉar en du el la tri nomitaj internaciaj federacioj Profesoro D-ro Bovet ludas tre gravan kaj ĉefan rolon. En letero, kiun li skribis al mi, li konsentas min, ke ni eluzu la situacion. Ankaŭ la kunveno de la saksa instruistaro unuanime konsentis dum sia kunveno en Meissen. Estas nun la demando: Ĉu ni partoprenu oficiale en Helsingör aŭ en Genève? Mi proponas Genève pro diversaj kialoj: 1. ĝis tiam ni havos ankoraŭ sufiĉe da tempo. 2. la kongreson en Genève

prezidos Profesoro D-ro Bovet. 3. Genève estas la centro de la Esperanto-movado kaj tie ni trovos taŭgajn helpantojn. 4. Esperanto jam staras sur la tagordo de la „World Federation". Eble oni tie — mi uzas la vortojn el la citita letero de Profesoro D-ro Bovet — povos „instigi, ke unu el la plej gravaj sekcioj estu organizata kiel la Praha konferenco, t. e., ke oni traduku nur en Esperanton. Oni povus elekti, ekzemple, la sekcion pri paca instruo, aŭ iun alian. Se la afero bone marŝos, tio estos bona propagando por Esperanto. La partoprenantoj povos kompreni, kiel pli facile la laboro marŝas en tiu sekcio, ol en aliaj, kie oni tradukos diverslingven. Ni opinias, ke ni per tiu metodo pli helpos al Esperanto, ol trudante ĝin al homoj, kiuj ankoraŭ ne komprenas ĝian utilecon. Certe por tio ni bezonos kunlaboron de Esperantistoj; ni devos esti certaj, ke venos Esperantistoj, kies gepatraj lingvoj ĝenerale ne estas uzataj en kongresoj, do, kiuj havos avantaĝojn je tiu tradukmaniero, ekz. slavoj k. s. — Ni tute konsentas, ke estas plenvalore, ke instruistoj Esperantistaj venu ĉi tien multnombraj." —

Do, la saksa instruistaro kun TAGE kaj IPR, kies laboro baziĝas precipe sur la Saksoj, faros ĉion, por helpi la laboron proponitan de mi kaj akceptitan de ili unuanime. KomprenEble la ĉefa kondiĉo restos, ke Profesoro D-ro Bovet povos aranĝi ion, kio valoros nian partoprenon en Genève. Mi sciigos la legantaron de IPR pri tio kiel eble plej baldaŭ. Sed la tempo urĝas. Ok*) monatoj ne estas longa prepartempo por afero tiom internacia. Nur se ni sukcesos, aranĝi ĉion tute internacie, ni sukcesos. Tute ne helpos ion la partopreno de kelkcentoj de germanaj kaj saksaj instruistoj. Pli bone ol la partopreno de eble 200 germanaj instruistoj efikos la partopreno de 100 instruistoj el 30—40 landoj.

Se ni entreprenos la aluditan novan laboron, kelkaj gekolegoj komprenEble ne povos partopreni la je la sama tempo okazontajn internaciajn Esperanto-kongresojn de UEA kaj SAT en Budapest kaj Leipzig. Sed la gvidantoj kaj la anaroj de la nomitaj internaciaj Esperanto-asocioj certe komprenos, ke ni pli utilos al ili kaj al la tuta Esperanto-movado, limigante nin je ĉi tiu nun gravega kaj urĝa tasko. Ni, en TAGE, volas helpi ilin ambaŭ. Niaj TAGE-anoj havas la rajton, aparteni kiel membroj al la unu aŭ al la alia aŭ eĉ eble al ambaŭ. Kune laborante kiel gekolegoj ni restos neŭtralaj rilate la Esperanto-organizaĵojn. Ni — same kiel IPR, nia gazeto —, kiel gekolegoj kunlaborantaj por la mondhelplingva ideo, restos ankaŭ politike neŭtralaj. Ĉiu rajtas, disvastigi Esperanton en asocioj, kiuj havas krom la pedagogia ankaŭ politikan celon. Sed o f i c i a l e TAGE povos partopreni kongresojn nur de politike neŭtralaj asocioj de instruistoj kaj edukistoj. La 3 suprecititaj, la „Internacia Laborrondo por Renovigo de l' Edukado", la „Mondfederacio de Edukaj Asocioj", la „Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj" estas tiaj. Antaŭ ili ni estontatempe klopodu esti reprezentataj oficiale. Ankaŭ pri ĉi tiu propono oni konsentis min en Meissen.

Mi petas nian legantaron senpro-

*) Mi verkis la artikolon jam en Novembro 1928!

kraste sciiĝi TAGE aŭ min persone (Leipzig W. 31, Seumestrasse 10), ĉu oni konsentas la planon, partopreni la kongreson de „World Federation" en Genève. La tasko por ni ĉiuj estas ne facila, tamen realigebla kaj fruktodona. Certe, se ili klopodos ĝustatempe ĉe siaj registaroj, kelkaj kolegoj en ĉiuj landoj sukcesos, havigi al si tre baldaŭ financan subtenon por la vojaĝo al Genève. Mi estus tre danka, se mi tre baldaŭ ricevus respondojn al mia propono en formo de simpla poŝtkarto, sur kiu oni skribu:

1. ĉu oni konsentas la proponon ĝenerale.
2. ĉu oni intencas partopreni la kongreson en Genève.

Ju pli da konsentaj respondoj, des pli facile por nia altŝatata Profesoro D-ro Bovet, aranĝi la tutan aferon laŭ maniero, kiu promesas sukceson.

Ni raportos en IPR pri la respondoj ricevitaj kaj publikigos la nomojn de niaj gekolegoj, kiuj estos pretaj, persone partopreni la kongreson en Genève.

La tempo por nia nova propagando fariĝis matura. La kampo estas preparita. Ni nun semu; certe la rikolto ne seniluziigos nin.

# Kongreso de la Mondfederacio de Pedagogiaj Societoj

(fondita en San Francisko)

de 25-a de Julio ĝis 4-a de Aŭgusto 1929 en Genève.

**Kio estas la Mondfederacio?**

La Mondfederacio de Pedagogiaj Societoj estas organizacio, kiu unuigas la pedagogajn fortojn de la tuta mondo kaj penas, kunigi la aŭtoritatulojn de ĉiuj landoj per interrilatoj de ĉiu al la aliaj. La mondfederacio celas ne nur la unuecigon de la pedagogia ideo en 63 suverenaj ŝtatoj, sed ĝi volas ankaŭ trovi la ĝeneralajn elementojn de la eduko, por ke tiuj povu servi al la bono de ĉiuj ŝtatoj. Sekve ĝi estas movado de grandioza kunlaborado, baziĝanta sur la konvinko, ke la estonteco dependas de la edukado de l' nuntempaj infanoj.

**Historio de la Mondfederacio.**

Ĉe la fino de la mondmilito ĉie estiĝis la bezono, trovi agadkampon, sur kiu la nacioj povis interalproksimiĝi — kampon, malproksiman de la delikataj demandoj politikaj, ekonomiaj kaj religiaj. Oni interkonsentis, serĉi rimedon, por ekstermi la malamon de la homoj kaj anstataŭigi ĝin per spirito de konkordo, bona volo kaj justeco.

La Pedagogia Societo de Usono (National Education Association) kredis edukadon la konstrua forto, kiu unuavice povus servi, por certigi la progreson de la civilizacio. Tial ĝi komisiis sian komitaton por rilatoj eksterlandaj, ke ĝi ellaboru programon de mondkongreso por edukaj problemoj. En multaj ŝtatoj tiu propono renkontis entuziasman eĥon, kaj la kongreso en San Francisko, okazinta en Julio 1923, estis vizitata de ĉirkaŭ 600 partoprenantoj el 60 diversaj landoj. Eĉ kelkaj registaroj sendis oficialajn delegaciojn. Tiam estis decidate, okazigi tian kongreson post po du jaroj; la unua okazis 1925 en Edinburgh, la dua en Toronto 1927, kaj la tria okazos en Genève.

**La konstanta organizacio.**

Unu el la plej gravaj rezultoj de la kongreso en San Francisko estis la kreo de konstanta organizacio: la Mondfederacio

de Pedagogiaj Societoj, kies ĉefaj celoj estas jenaj:

„Ekfaro de amikaj, bonvolaj kaj konfidaj rilatoj inter la nacioj;

kreo de plena libereco de la rajtoj kaj privilegioj de ĉiuj ŝtatoj, al kiuj ajn raso kaj religio ili apartenas;

simpatia akcepto de grandaj faroj kaj ellaboraĵoj de anoj el aliaj nacioj kaj rasoj;

certigo de pli ekzakta informado kaj pli objektiva prezentado de faktoj per instruiloj kaj lernolibroj;

veko kaj evoluigo de la senco por internacia moralo en la koroj de l' junularo;

sed precipe: en ĉiuj lernejoj de la mondo atentigi pri la unuaĵo, kiun formas la tuta homaro, por pli klare elmontri la absurdecon de l' milito; akcelado de la spirito de l' paco, kiu baziĝas sur vera patriotismo, kiu estas amo al la propra patrujo kaj ne malamo kontraŭ aliaj landoj kaj popoloj.

**La Genève-a Kongreso.**

La kongreso en Genève okazos laŭ vere internacia plano kaj estos plej multe interesa por la pedagogoj de ĉiuj landoj. Estas kompreneble, ke la laboro por konferenco tiom ampleksa estas dividota en diversajn sekciojn. Krom la kunsidoj de la diversaj sekcioj, en kiuj oni prezentos kaj diskutos la referatojn pri la koncernaj pedagogiaj branĉoj, estas projektitaj kelkaj ĉefkunvenoj, kunigantaj la sekciojn, en kiuj la kongresanoj havos okazon, aŭdi bonfamajn parolantojn pri problemoj internacie interesaj.

Jenaj sekcioj estas formitaj (ili okazigos siajn kunsidojn antaŭtagmeze, evitante kiel eble plej multe konfliktojn en la hortabelo):

1. Instruistaj kaj gepatraj unuiĝoj. La nova internacia societo „Home and School" (Familio kaj lernejo).

2. Edukado kaj sano.

3. Eduko praktika (En diferenco de la profesia eduko).

4. Instruistaj unuiĝoj kaj lernejara administrado laŭ internacia vidpunkto.

5. Internacia kunlaboro kaj bona volo (Ĝeneralaj demandoj).

6. Same (Preparo de la geinstruistoj).

7. Kiel la spirito de internacia kunlaboro kaj interkompreniĝo povas esti enkondukata en la lernejojn? (Programo de la Ligo de l' Nacioj).

8. La malfacile edukebla infano.

9. Kamparanaj vivo kaj edukado.

10. Edukado de infanoj dum la antaŭlerndeva aĝo.

11. La rilato inter lernejo kaj societo.

12. Eduko, gazetaro kaj publiko.

13. La internacia stato de bibliotekaj aferoj.

14. De la lernejo al metiejo (Programo de la Internacia Laboroficejo).

La laboro de la diversaj sekcioj estos ilustrata per ekspozicioj. Komunaj vesperaj kunvenoj donos okazon, aŭdi la delegitojn de la diversaj nacioj. Plue estas projektitaj: la prezento de lernejaj filmoj, la festado de la Svisa nacia festo kaj, se eble, festprezentado, organizita de s-ro Jaques Dalcroze, vizitoj en la sekretariejo de la Ligo de l' Nacioj kaj de l' Internacia Laboroficejo, kies kunhelpo en la ellaborado de l' ĝenerala kongresprogramo estos tre utila al ĉiuj kongresanoj.

(Anoncu vian aliĝon al s-ro M. Goldberg, Leipzig-Oetzsch, Im Lumbsch.)

# Mondkonferenco por Nova Edukado

de 8-a ĝis 21-a de Aŭgusto 1929 en Helsingör (Danujo).

(V-a internacia konferenco de la Internacia Laborrondo por Nova Edukado.)

**Ĉeftemo:**
**La nova psikologio kaj instruplano.**

Estas la celo de la konferencoj de tiu mondligo, kunkondukadi ĉiujn, kiuj provas realigi la novajn idealojn en la edukado — por interŝanĝi ideojn kaj plifortigi tiujn ligilojn, kiuj kunigas pionirojn de la eduko en la tuta mondo.

Helsingör estas unu el la plej belaj urboj malnovaj de Danujo. Ĝi situas ĉe la maro kaj meze de ĉarma pejzaĝo. Ĝia bonkonata kastelo Kronberg estos la ĉefa sidejo de la konferenco.

**Kursoj kaj porstudaj grupoj.**

Krom la paroladoj okazos kursoj kaj porstudaj grupokunsidoj. La partoprenontoj estas petataj, antaŭe enskribiĝi sin por tiaj kunsidoj, por ke kontinua laborado estos ebla. Ĝis nun estas intencitaj la sekvontaj kursoj kaj porstudaj grupokunsidoj: la demando de instruplano, psikologio de la nova eduko, ekudado per laŭplana farado, la filosofio de la nova eduko, la „nova lernejo" en praktiko, infano kaj arto, infano kaj religio, porinstruista studado, individuo- kaj tipo-psikologio, Dalton-plano, Decroly-metodo, Winneteka-tekniko, plenkreskula sinformado en ĝiaj rilatoj al progresema eduko en lernejoj, edukado al internaciemo. — Aliaj grupoj estas ekestantaj.

Estos inter la parolantoj jenaj:

**El Grand-Britujo:** (Anglujo) D-ro Percy Nunn, D-ro C. W. Kimmins, Miss Grace Oven, Mrs. Beatrice Ensor, D-ro Lloyd Storr-Best, Mr. F. P. Armitage, Mr. H. O. Dent, Mr. J. Compton.

(Skotlando) D-ro W. Boyd, Mr. Neil, S. Snodgrasz, Prof. W. Mc Clelland.

(Gvalujo) Prof. Cavanagh, Mr. G. H. Green.

**El Usono:** D-ro Harold Rugg, Mr. Burton Fowler, D-ro H. Overstreet, Miss Helen Parkhurst, D-ro R. B. Raup, D-ro A. M. Ayer.

**El Germanlando:** D-rino Elisabeth Rotten, D-ro K. Levin, D-ro F. Karsen, W. Karsen, D-ro Leo Weismantel, D-ro Rosenthal, Paul Geheeb.

**El Francujo:** M. Georges Bertier, M. R. Cousinet, Prof. A. Vulliod.

**El Svisujo:** Prof. J. Piaget, D-ro Adolphe Ferrière, H. Tobler, D-ro O. Pfister, M. R. Nuszbaum.

**El Aŭstrujo:** D-ro P. Dengler, Prof-ino Baer-Frissel.

**El Belgujo:** D-ro O. Decroly, Mlle. Hamaide.

**El Danujo:** I. G. Arvin, H. Begtrup, A. Vedel.

**El Polujo:** D-ro J. Mlodowska, D-ro H. Rowid.

**El Hindujo:** Rabindranath Tagore.

(Anoncu vian aliĝon al k-o M. Goldberg, Leipzig-Oetzsch, Im Lumbsch.)

# Raporto.

La asocio „Genootschap van Leeraren aan Nederlandsche Gymnasiën" estis starigata la 6-an de Aŭgusto 1830. Ĝi celas: akceli la floradon de la gimnazia instruado; prizorgi la socian kaj financan bonstaton kaj la juran situacion de ĝiaj instruistoj; kaj kreskigi amikecon inter la membroj.

En kunlaborado kun la „Algemeene Vereenining van Leeraren by het Middelbaar Onderwys, A. V. M. O." la asocio eldonas la ĉiusemajnan gazeton „Weekblad voor Gymnasiaal en Middelbaar Onderwys".

La 1-an de Junio 1927 la nombro da membroj estis 618, el kiuj 561 funkcias ĉe

gimnazioj kaj liceoj; 112 estas samtempe membroj de A. V. M. O.

Je la 2-a kaj 3-a de Septembro 1927, la asocio havis sian 97-an jarkunvenon en Arnhem, en la konstruaĵo Musis Sacrum. En la kunsido de la 2-a, post malferma parolado de la prezidanto, D-ro W. F. de Groot, el Hago, prelegis s-ro Prof. H. Bolkestein pri „La arto en la vivo de la Grekoj". La tuta prelego aperis en la gazeto Tydschrift voor Geschiednis (aprilo 1928).

En la kunsido de la 3-a, la kunestantaro rajtigis la komitaton, fari la necesajn aranĝojn preparantajn al ekfunkciado de privata docento (lektoro) pri didaktiko kaj metodo de la klasikaj lingvoj kaj antikva historio ĉe unu el la Universitatoj.

Post tio, s-ro D-ro M. J. Pattist ekhavis la parolrajton por sia referato „Prepara klaso kiel ponto inter unua- kaj duagrada instruado". D-ro Pattist alvenis al la jenaj konkludoj: 1. La socia justeco postulas daŭrigon de unu komuna, sed adaptebla tipo de unuagrada lernejo. 2. La postuloj de la duagrada instruado estas tiel malkonformaj kun la bazo, kiun la unuagrada lernejo siaflanke opinias donota, ke oni ne povas konstati kontinuecon inter ambaŭ gradoj. Tial necesa estas aparta dujara klaso preparanta al la duagrada lernejo. 3. Tia preparanta klaso devus havi lokon en la unuagrada instruado.

Tiu referato aperis en la „Weekblad voor Gymnasiaal en Middelbaar Onderwys", 24-a jaro, n-ro 1, p. 10—37.

Post priparolado de ĝi en la matena kunsido, sekvis posttagmeze ekskurso al la Muzeoparko „Nederlandsch Openluchtmuseum", kiun la ekskursantoj vizitis sub gvidado de s-ro van Erven Dorens, Direktoro de la muzeoparko kaj de la urba muzeo en Arnhem.

(La raporton, verkitan de la 1-a sekretario s-ro W. E. Engelkes, tradukis D-ro C. Baart de la Faille.)

# Ĉu ni progresas tro rapide?

W. Hahn, Gohlis-Dresden, prezidanto de la Esperanto-asocio de Saksaj geinstruistoj.

Observante la esperantan movadon inter la Saksa instruistaro oni devas konstati ĝojigajn progresojn. Tion jam montris la statistika broŝuro*) de la jaro 1927, kies enhavo estas superita per la progresoj de la lasta jaro. Jen kelkaj faktoj: En Saksujo estas pli ol 800 geinstruistoj, kiuj scipovas Esperanton; 326 el ili estas pagantaj membroj de la Esperanto-Asocio de Saksaj geinstruistoj; 127 faris la ekzamenon ĉe la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko. En 46 urboj kaj vilaĝoj Esperanto estas instruata en la lernejoj. La ministerio por popolklerigo donas financan helpon por la instruistaj esperantaj kursoj de la asocio. Krom tio en kelkaj distriktoj la lernejaj inspektoroj mem aranĝis porinstruistajn kursojn, kies kostojn la ministerio tute prenas sur sin. La granda Saksa instruista asocio estas tre favora al Esperanto kaj subtenas la Esp.-asocion ankaŭ per mono. En la distriktaj asocioj Esperanto estis ofte en la tagordo. La fakaj gazetoj „Sächsische Schulzeitung" kaj „Leipziger Lehrerzeitung" multe helpis al nia afero represante varbartikolojn kaj ĉiusemajnajn sciigojn.

Tiuj progresoj kaj sukcesoj ne venis de si mem. Ni atingis ilin nur dum multjara senlaca laboro laŭ la devizo:
„Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
traboras la mondon granitan."

Sed la afero havas ankaŭ alian flankon. Niaj gekolegoj forlasintaj la kursojn volas praktike uzi Esperanton. Ili volas inter-

---

*) La germanaj gelegantoj de I. P. R. jam ricevis la statistikon. Por la negermanaj abonantoj ni enmetas ekzempleron.

rilati kun gekolegoj en la tuta mondo kaj priparoli kun ili pedagogiajn, sciencajn, profesiajn ktp. demandojn. La infanoj de niaj esp. klasoj deziras korespondadi kun esp. gelernantoj en aliaj landoj. Pro tio estas necese, ke la esp. instruistaro en aliaj nacioj pli ol ĝis nun plenumu niajn petojn pri internaciaj peresperantaj interrilatoj, kiujn ni nepre bezonas. Per aliĝo al Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE), per la kunlaborado ĉe nia gazeto I. P. R., per la uzado de la Internacia Lerneja Servo tiuj necesegaj interrilatoj estas tute facilaj. Iru tiujn vojojn, kolegaj gesamideanoj; vi treege helpos al ni, al la tuta movado. Kie mankas esperantaj geinstruistoj, tie aliaj kleruloj prenu sur sin tiujn internaciajn interrilatojn.

La fakto, ke en iu lando Esperanto progresas, estas certe tre ĝojiga. Sed ĉiuj sukcesoj estas vanaj, se la aliaj landoj ne sekvas. Nia afero ja estas internacia, kaj la progresoj en unu lando antaŭenigas la movadon en alia. Pro tio la Saksa esperanta instruistaro eldonis sian dulingvan statistikan broŝuron, kiu espere estas uzota multfoje por propagandaj celoj inter la internacia instruistaro.

Al la alilandaj gekolegoj mi konsilas: ne plu retenu vin tro modeste! Propagandu inter la kolegaro kaj en la lernejoj, kaj efektivigu laŭ via povo la internaciajn interrilatojn. Tiam ni baldaŭ aŭdos pri **viaj** sukcesoj kaj progresoj rilate al instruistoj kaj lernejoj, kaj tiujn sciigojn ege deziratajn kaj nepre bezonatajn ni uzos por **niaj** celoj. Tiu cirklo enhavas la solvon de la problemo. Ni agu laŭ tio!

# Internacia Ligo de Patrinoj kaj Edukistinoj.

Al la Paco per l' Amo
Por la Paco

Celo de la Ligo:
Igi la **Militon** neebla forigante **Malamon.**

La patrinoj aliĝantaj al la Ligo promesas enradikigi en la spiriton de siaj infanoj:

la amon | al la familio
al la patrujo
al la homaro

La patrinoj devas eduki la infaneton, ami ĉiujn membrojn de sia familio.

La patrinoj devas poste inspiri al la gejunuloj fratajn sentojn por ĉiuj homoj de sia gento kaj de sia lingvo.

La patrinoj devas fine konvinki ĉiujn ĉirkaŭ si pri la neceseco, ami ĉiujn homojn el iu ajn nacio.

Ili tiel kunlaboros diskonigi tiun belan kondutmaksimon de Montesquieu:

„Se mi scius ion por mi utilan kaj malutilan por mia familio, mi ĝin forĵetus el mia spirito.

Se mi scius ion utilan por mia familio kaj malutilan por mia patrujo, mi pensus ĝin forgesi.

Se mi scius ion utilan por mia patrujo kaj malutilan por Eŭropo kaj la homaro, mi ĝin rigardus kiel krimon."

Fine, la patrinoj, per sia ĉiutaga ekzemplo, devas pruvi, ke la amo sin montranta per oferoj konsentitaj al la konkordo kaj la paco, povas sola venki la egoismon, fonton de ĉiuj malpacoj kaj doloroj de ili naskitaj.

Ĝenerala Sekretariino por Franclando: S-ino Eidenschenk-Patin, eks-anino de la Supera Konsilantaro de la Publika Instruado, Kavalirino de la Honora Legio O. I. Berny-Rivière, par Vic-sur-Aisne (Aisne-Franclando).

Sekretariino por Fremdlando: S-ino H. Kriegk, 38 rue Laharpe, Le Bouscat-Bordeaux (Franclando).

Kasistino: S-ino J. Forsans, 7 rue Croizillac, Bordeaux (Franclando). (Poŝtĉeka konto n-ro 336.93 Bordeaux.)

# Internacia Esperanto-Muzeo

**Wien (IEMW) — ŝtata institucio!**

La 30-an de Sept. 1928 „Nationalbibliothek — Wien" (iama imperiestra) nome de Ministerio por Instruaferoj subskribis kaj transdonis al ni kontrakton, kiu enhavas jenajn punktojn:

1. La unuiĝo „Internacia Esperanto-Muzeo Wien" transdonas propraĵe al Nationalbibliothek en Wien ĉiujn ricevitajn kaj ricevotajn librojn, broŝurojn, ĵurnalojn, flugfoliojn ktp.

2. Nat. Bibl. (N. B.) starigos ĉi tiun havaĵon kiel „Corpus separatum" (kolekton apartan) kaj traktos kaj administros ĝin sammaniere kiel la havaĵojn akiritajn de ĝi mem.

3. La membroj de la unuiĝo ĝuas la privilegion, ke je montro de ilia validanta membrokarto la uzantbiletoj por la presaĵ- kaj gazetlegejoj estas eldonataj al ili senpage. Ili ankaŭ rajtas pruntepreni senkoste ne nur Esperanto-librojn, sed ankaŭ ĉiujn aliajn librojn de N. B.

4. Ĝis kiam N. B. povos disponigi apartajn ejojn por starigo de la ricevitaj objektoj, ĝi provizore disponigas ĉambron 46 en Augustinerstöckl kiel provizoran deponejon. La definitiva solvo de la priloka problemo okazos post translokiĝo de la presaĵkolekto de N. B. en Novan Kastelon.

Per tio evidentiĝas, ke IEMW ne estas privata, kiel ŝajnis unue al kelkaj, sed tute oficiala, ŝtata afero. N. B. respondecas por ĉiu enveninta materialo.

La malfermo de Internacia Esperanto-Muzeo okazos la 30-an de Julio 1929 antaŭ la XXI-a kongreso en la festsalonego de N. B. en „Hofburg" (iama imperiestra kastelo).

Komence de 1929 la samideanaro havos la okazon, legi en gazetlegejo grandan aron da Esperanto-gazetoj kaj en presaĵlegejo la unuan milon da Esperanto-libroj.

Via tasko estas, pliriĉigi la kolekton, por ke je la malfermo IEMW disponu pri granda materialo. Pro tio sendu afable:

La **eldonejoj** siajn librojn, broŝurojn ktp.; la **gazetadministraroj** siajn ĵurnalojn a) regule de Januaro 1929, b) la ĝis fino de 1928 aperintajn numerojn; la **verkintoj** siajn verkojn; la **samideanaro** a) librojn ktp., b) krome ĝi aniĝu kiel membro kun almenaŭ jaraj sv. fk. 1.20, necesaj por afranko ktp., c) ĝi raportu en sia nacia gazetaro pri la Muzeo kaj sendu al ni la koncernajn gazetojn.

En la librojn IEMW sur aparta „Ex libris" enskribos: „Donaco de . . ." Vi ricevos „Oficialan Dankleteron de N. B." kaj membrokarton por la aniĝintoj; krome ĉiu donacinto kaj sendinto de nacia gazeto kun koncerna artikolo ricevos la baldaŭ aperontan novan ilustritan gvidlibron „Wien kaj Niederösterreich".

La nomojn ni publikigos.

Unua Esperanto-Unuiĝo, fondita en 1907, decidis, dediĉi sian riĉan bibliotekon kaj arĥivon al IEMW.

Imitu aliaj ĉi tiun noblan agon!

Leteradreso: Internacia Esperanto-Muzeo, Wien I, Annagasse 5.

Por la Loka Kuratora Komitato
de Int. Esp. Muzeo Wien:
Steiner, prez.

# Nova Presejo.

Kiam Novaj Tempoj 1924 kaj 1925 travivis danĝeran financan krizon, ni iris en la presejon de D-ro Karl Pickert, Leitmeritz. Sekve de favoraj prezoj ĉe Pickert Novaj Tempoj kaj poste Internacia Pedagogia Revuo baldaŭ resaniĝis. Se IPR hodiaŭ forlasas la presejon de Pickert, ni ne forgesas danki al ĝi por la kelkjaraj servoj, kiujn ĝi faris al nia movado.

IPR nun iras al „Heroldo", ĉar ni kredas, ke

1. nia Revuo havos pli bonan kvaliton
2. Heroldo povos grave subteni nian movadon per propagando.

Ni ne volonte ŝanĝis la presejon, sed ni opiniis, ke la evoluo de IPR postulas tiun paŝon.

# Jarlibro de TAGE — Adresaro — ne aperas.

La nombro de la ĝis nun (10. 1. 1929) menditaj adresaroj ne montras la bezonon, kiel ni supozis, kaj kiel estas necesa por garantii eldonon de ampleksa kaj multekosta jarlibro sen deficito.

Ni nepre evitos ripeti la malagrablan sperton, kiun ni faris post la eldono de la Jarlibro 1925. Ni serĉis kaj trovis pli efikan kaj tamen malpli multekostan rimedon por propagando, kaj ni esperas, ke sur tiu vojo ni plej bone servos al la plua kresko de nia movado. El n-roj 11/12, 1928 kaj 1, 1929 vi vidas, ke nia rezigno rilate la Jarlibron ne estas signo de malforto, sed de konscia koncentrigo de niaj fortoj.

La jam senditan pagon por la adresaro bonvolu kalkuli en vian abonon por 1929 aŭ 1930.

Ni petas vian pluan konfidon al nia laboro.

# Helpantoj en la administrejo.

La dankon de la abonantaro meritas la kolegoj Schönherr-Dresden, Michael, Achilles, Spange, Schneller, Laudel-Leipzig, kiuj oferis multan tempon por la ekspedo de IPR dum 1928.

# Al la abonantoj de IPR.

Bonvolu atenti la agentejon de via lando kaj sendi al ĝi vian abonon.

La germanaj abonantoj sendu al Girokonto (**ne** poŝtĉekkonto!!) „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer", Leipzig-Leutzsch N-ro 27.857; la Saksoj al Karl Schönherr, Dresden, ĝiro Dresden 30.560 aŭ poŝtĉekkonto Dresden 112.617.

La ne-germanoj sendu al sialanda agentejo aŭ al la nova administranto Karl Kröber, Weststr. 4, Riesa, Germanujo, poŝtĉekkonto Dresden 110.715.

La poŝtĉekkonto Goldberg, Leipzig 204 10 akceptas pagojn nur ĝis Majo 1929.

Pro likvido de ŝuldoj el pasintaj jaroj vin turnu nur al Goldberg, Im Lumbsch, Oetzsch b/Leipzig.

Goldberg nun laboras kiel sekretario de TAGE.

# La venonta numero aperos la 1-an de marto.

## Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo (TEPS)

estas racia utiligado de kolektiva korespondo inter geinstruistoj el tutmondo por esperanta kaj nacilingva gazetaro.

Sendu ĉiumonate artikolon pri vialandaj lernejo kaj instruistaro; ĝi nepre aperos en TEPS-Informilo 16-paĝa, kiun vi ricevos tute senpage.

Turnu vin al Marcel Boubou, 96 rue Saint Marceau, Orléans (Loiret) Francio.

